# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Aprilo n-ro 4/2009

## MEMBRONOMBRO NE ESTAS NUR BRAZILA PROBLEMO

La Estraro de Brazila Esperanto-Ligo bataladas por reteni sian membraron. Sed tiu problemo ne estas nur nia. Legu la ĉi-suban raporton de "Gazetaraj Komunikoj" de UEA, n-ro 318, 2009-03-22: *"MEMBROSTATISTIKO DE UEA EN 2008: PERDOJ KAJ KRESKOJ - En 2008 UEA registris la plej malgrandan nombron de individuaj membroj (IM) post la Dua Mondmilito: 5702, t.e. je 11 malpli ol la antaŭa malrekordo el 2002 kaj je 309 malpli ol en 2007. Kiel atendite, la plej granda falo okazis en Japanio, kiu pro la Jokohama UK estis la plej granda lando laŭ la nombro de IM en 2007, entute 856, sed en 2008 ĝi falis al 402. La perdo en Japanio estis do 454. Ĉar la tuta perdo estis 309, la cetera mondo kompensis do unu trionon de perdo en Japanio. Francio rekonkeris la unuan lokon kun 583 IM (+35); la dua estis Germanio kun 534 IM (+20). Unu el kvin IM de UEA (19,5%) estis en tiuj du landoj. Aliaj landoj kun multe da IM estis Brazilo (337; -7), Usono (314; -16), Nederlando (254; +5), Rusio (209; +58), Italio (208; +4), Belgio (159, +9), Svedio (154; -10), Britio (153; +4), Hispanio (147; +4), Finnlando (136; -20), Ĉinio (127; -14), Pollando (120; +20), Hungario (113; +13), Danio (97; +6), Svislando (85; +4), Ceĥio (82; +6), Vjetnamio (78; -5) kaj Kanado (75; +2). La tuta membraro de UEA tamen kreskis per 706, ĉar la aligitaj membroj (AM) plimultiĝis el 11477 al 12492, dank' al Hungario, kiu en 2007 pagis por 100 AM sed en 2008 por 1348). Hungario liveris sume 1461 membrojn (IM + AM) kaj estis la lando kun plej multe da UEA-anoj. (...) Pozitiva estis la kresko de Societo Zamenhof al 166 anoj (+39). Revuo "Esperanto" havis 3860 pagitajn abonojn (-157) kaj "Kontakto" 845 (+100)".* Ĉu vi jam aliĝis?

## PROKSIMA KONGRESO EN BAURU / SP

Ŝtataj Kongresoj en San-Paŭlo fariĝas gravaj eventoj en nia movado. EASP anoncas, ke la proksima okazos en oktobro, en la bela urbo Bauru, kie jam funkcias organiza komisiono, kiu baldaŭ liveros detalajn informojn. Ĝi akceptas proponojn, kiujn oni devas sendi al la adreso <contato@easp.org.br>. Nepre vizitu la retejon de EASP en la proksimaj monatoj. Kaj partoprenu!

## BRAZILA KONGRESO: FAVORAJ PREZOJ POR NOVULOJ

Cele al stimulado, ke novaj gesamideanoj vizitu niajn kongresojn, la organizantoj de la ĉi-jara BKE fiksis novan kotizon, kiu favoros la partoprenon de homoj, kiuj unuafoje vizitos nian plej gravan enlandan esperantistan eventon. Por pliaj informoj vizitu la kongresan retejon ĉe <http://44bke2009.blogspot.com>.

## UNU PLIA BIBLIOTEKO KUN ESPERANTAJ LIBROJ

Aloísio Sartorato, el Rio, informas, ke unu plia biblioteko en Brazilo ricevis faskon da Esperantaj libroj – ĉi-foje en la ĉefurbo Palmas, en Ŝtato Tocantins. La kampanjo, iniciatita de KKE en julio 2001 kaj apogata de UEA, jam ekspedis pli ol 800 librojn en aŭ pri Esperanto al 67 enlandaj kaj 11 alilandaj bibliotekoj kaj estas subtenata de kelkaj brazilaj esperantistoj, kiuj libervole mondonacas al specifa fonduso.

**Kiom da libroj en Esperanto vi jam legis en 2009?**

## ADESÕES NÃO SÃO PROBLEMA SÓ NO BRASIL

A Diretoria da Liga Brasileira de Esperanto luta para manter seus associados. Mas este não é um problema só nosso. Segundo o boletim "Gazetaraj Komunikoj", da Associação Universal de Esperanto, também caem as adesões em escala internacional: em 2008, o número de associados da UEA atingiu o nível mais baixo, desde a Segunda Guerra Mundial: 5702. A queda se deveu principalmente à menor participação de japoneses. A França recuperou a liderança em número de associados (583), seguida pela Alemanha (534). O Brasil participa com 337. Calculando-se também o número de membros de associações ligadas à UEA, o número total de Esperantistas aumentou, graças à grande comunidade húngara. Houve crescimento também na "Societo Zamenhof" (para apoio a adesões em países com dificuldades para o procedimento) e nas assinaturas da revista "Kontakto", da Juventude Esperantista Mundial. E você? Já refez sua adesão?

## PRÓXIMO CONGRESSO EM BAURU / SP

Os Congressos Paulistas de Esperanto já se tornam tradição importante no calendário Esperantista brasileiro. O próximo será em Bauru / SP, em outubro de 2009. Informações e sugestões: contato@easp.org.br

## PREÇOS ESPECIAIS PARA CONGRESSISTAS ESTREANTES

O Congresso Brasileiro de Esperanto, em Juiz de Fora / MG, em julho próximo, estabeleceu preços especiais para Esperantistas estreantes no evento. Informe-se: http://44bke2009.blogspot.com

## MAIS UMA BIBLIOTECA RECEBE LIVROS

Aloísio Sartorato, do Rio de Janeiro, informa, que mais um pacote de livros em e sobre Esperanto foi enviado a bibliteca municipal em Palmas / TO. A campanha funciona desde 2001, com apoio da Associação Universal de Esperanto.

**Quantos livros em Esperanto você já leu em 2009?**

BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Aprilo n-ro 4/2009

## NOVA RADIPROGRAMO EN BRAZILO

Djalma Pessata, aŭtoro de la filmo 'Zamenhof – Mondcivitano', skribis: *"Kun plezuro mi informas pri nova radiprogramo en Brazilo. Temas pri 5-minuta rubriko, kiun ni prezentos de lundo ĝis vendredo, per Radio Boa Nova AM, el Sorocaba / SP, je la 17h25min kaj sabate je la 9h50min. La enhavo de la programoj varios: kulturaj informoj, "Gutoj de Esperanto", kanzonoj, Esperanto en la praktiko, ĝeneralaj informoj, Esperanta distro. Depende de la sukceso de la iniciato, eble la programo estonte estos disponebla en interreto; certe ĝi helpos reviglîĝon de la tradicia Esperantomovado en la regiono. Mi petas, ke oni sendu retmesaĝojn al la radistacio, por gratulo pro la iniciato: boanovasorocaba@uol.com.br (al Marcos de Lima Neto)"*

## FORPASIS VALORA VETERANO: IVO P. MAGALHÃES

Je la 30-a de marto 2009 forpasis nia kara samideano, eksprezidanto de Tririvera Esperanto-Klubo, eksdelegito de Universala Esperanto-Asocio, talenta tradukanto de kanzonoj el la portugala lingvo al Esperanto – kaj, precipe, bonkora, simpatia amiko. Ni ne forgesos lin.

## KARAVANO EL BRASÍLIA AL LA KONGRESO

Brazila Esperanto-Ligo organizas karavanon el Brasília al Juiz de Fora por partopreno en la proksima Brazila kongreso (12-a ĝis 17-a de junio 2009). Gesamideanoj el tiu regiono petu informojn de bel-komerco@esperanto.org.br.

## PRELEGO PRI ESPERANTO EN PIRACICABA / SP

Kadre de la Kurso pri Lingvoj, fako Angla Lingvo, ĉe "Universidade Metodista de Piracicaba", sub la respondeco de Prof-ro Heidi A. Beduschi, je la 4-a de aprilo, okazis la prelego "Esperanto, Internacia Lingvo".

## ESPERANTO EN UNIVERSITATO EN ŜTATO MINAS GERAIS

Jader R. Silva

Entuziasmaj memlernantoj de Esperanto en Federacia Universitato de Alfenas / MG – UNIFAL – ricevis en marto la viziton de sperta samideano Jader R. Silva, el proksima urbo Lavras. Ili kunsidis je invito de Prof-ro Bissoli. Interalie oni solvis gramatikajn punktojn, sed kompreneble la afero helpos la tutan movadon en tiu urbo. Alia vizito programiĝis por la dua semestro. En la universitato mem oni ĉiujare informas pri Esperanto per prelegoj; studentoj, kiuj ĉeestas tiujn prelegojn, ricevas poentojn validajn por siaj kursoj. Pro tiu iniciato, Esperanto estos instruata ankaŭ en proksima, turisma urbo Poços de Caldas, kie la sama universitato havas filion.

## NOVA RETEJO EN ESPERANTUJO

Interesa, praktika maniero praktiki nian lingvon estas viziti bonajn retejojn. Provu atingi unu plian, belan iniciaton:

http://esperantoensino.ning.com

Sed ne forgesu: Esperantumado ĉe interreto ne nuligas la neceson aliĝi al niaj tradiciaj, "nevirtualaj" Esperanto-asocioj!

ĴUS APERIS NOVA NUMERO DE NIA TRADICIA, ALTVALORA REVUO "BRAZILA ESPERANTISTO".
KIEL MEMBRO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO, VI BALDAŬ RICEVOS ĜIN!

### NOVO PROGRAMA DE RÁDIO

Djalma Pessata, autor do filme "Zamenhof – Cidadão do Mundo", informa sobre novo programa na Rádio Boa Nova AM, de Sorocaba/SP. Terá duração de 5 minutos, de segundas a sextas-feiras (17h25) e aos sábados (9h50). Serão informações culturais, noções de Esperanto, música, uso prático do idioma, diversões. Para estimular apoio à iniciativa, escreva a Marcos L.Melo: boanovasorocaba@uol.com.br

### IVO MAGALHÃES DEIXA SAUDADE

Faleceu em 30/03/2009 o veterano Esperantista, ex-presidente do Clube de Esperanto de Três Rios / RJ, ex-delegado da Associação Universal de Esperanto e conhecido tradutor de canções para o Esperanto.

### CARAVANA DE BRASÍLIA

A Liga Brasileira de Esperanto está organizando caravana para os interessados em participar do próximo Congresso Brasileiro de Esperanto, em Juiz de Fora / MG: bel-komerco@esperanto.org.br.

### PALESTRA EM PIRACICABA/SP

O Curso de Letras da Universidade Metodista de Piracicaba promove palestra sobre o Esperanto, sob responsabilidade da Profª Heidi A. Beduschi, em 04/04/2009.

### ESPERANTO NA UNIVERSIDADE, EM MINAS

Em março último, Jader R. Silva, de Lavras/MG, visitou grupo de estudantes autodidatas, na Universidade Federal de Alfenas – UNIFAL. O encontro teve finalidade didática e também de estímulo ao movimento Esperantista local. A UNIFAL promove palestras anuais sobre Esperanto, cuja frequência atribui aos estudantes pontos oficiais para seu currículo escolar. As atividades deverão em breve estender-se à vizinha cidade de Poços de Caldas.

ESTÁ SENDO LANÇADO NOVO NÚMERO DA REVISTA "BRAZILA ESPERANTISTO"
COMO SÓCIO DA LIGA, VOCÊ LOGO O RECEBERÁ!